# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto 14/06/2013 Cent deksepa Eldono 14/06/2013 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktisto Roger Springer** **Provlegita de Nicole Else**

**SENDATA AL 247 RETADRESOJ**

La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**



Aŭskultu **Retradion en Esperanto ĉiun tagon** Informaj rakontetoj, Bona lingvo, Programlisto http://esperantaretradio.blogspot.co.at/

## Ĉiutaga porcio da bonaj sentoj

**31a Majo**

La Esperanta Retradio volas tute intence agi kontraŭ la pesimismo. La temoj tial traktu la aferojn en pozitiva lumo. Ili donu la senton ke en la mondo okazas progreso kaj ke tial optimismo regu en nia vivo. Tio validas kompreneble ankaŭ por la plua evoluo de Esperanto. En pozitiva medio ankaŭ Esperanto kreskas. Tion montras la kreskanta aŭskultantaro. Kompreneble oni ne povas atendi miraklojn: Ni ne ŝanĝos la mondon, sed ni povas doni nian kontribuon por fari ĝin iomete pli bona kaj bela. Kaj jen tio estas certe tre subteninda tasko.Se vi estas aŭskultanto de la Esperanta Retradio, vi ĉiutage ricevas vian porcion da bonaj sentoj kaj vi povas konsideri vin ano de komunumo de homoj kiuj povas pludoni tiujn pozitivajn sentojn al aliaj homoj. Kaj se vi povas raporti pri pozitivaj okazaĵoj en via lando resp. en via mondoparto, vi povus fari eĉ pli. Vi povus fariĝi aktiva kunaganto. La afero ĉiukaze indas subteni ĝin aktive.

(Malgranda eltiro el la bona reta programo)

# La Sheidow Park Vintra Lernejo




## Sudaŭstralia Vintrokursaro 2013

Lundon tagmeze, la 10an de junio, finiĝis la 5-a longsemajnfina Vintrokursaro de Sudaŭstralio. Ĝia organizanto estis elementlerneja instruisto Gordon Coleman (jam la 4-an fojon), kiu jam la 9-an jaron sukcese instruas nian lingvon al siaj lernantoj. Dudeko da interesiĝantoj ĝuis la bonajn kondiĉojn de la lernejo Sheidow Park kaj la zorgeman gastigadon de Gordon kaj lia edzino Ann .



Paul Desailly bone semis dum sia iama loĝado en Whyalla kaj semas ankaŭ nun sude de Adelajdo, tiel ke kelkaj homoj vojaĝis al la kursaro el sufiĉe foraj lokoj. La instruado okazis en 3 niveloj kun instruistoj Katja Steele, Brendan Linnane kaj Trevor Steele. La posttagmeza programo estis prelego pri la E-movado en Slovakio (K.Steele), pri virinaj vestoj komence de la 20-a jarcento (M.Furness) kaj pri komputilaj E-programoj (G.Coleman). Raportas Katja



Indrani -Gordon- Sandor

2013-06-08 La organizanto de la tradicia vintra kursaro Gordon Coleman **finfine** ricevas ekzempleron de la libro "Talking to the Whole Wide World" de Penny Vos.



La komencantoj



**Komencantoj rolas en skeĉo**



**Spertuloj rolas en skeĉo**



**Ripoza Periodo**

Estas via Esperanto-familio. Informu, Fotoj bonvenaj.

# LETEROJ de la legantoj





Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena

Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu demisio nuligas respondecon pri informado?

Unue gratulon al Vi kaj Nikol: por bonegaj eldonaĵoj de Aŭstraliaj Esperantistoj, la laboro estas granda, sed la famo estas plej granda. La hodiaŭa No.cent deksesa, estas aparte rimarkinda pri la prezento de la Lingvo-festivalo kaj la oportuno prezenti Esperanton al tiom da personoj, disdoni libreton de la ŝlosilo de Esperanto. Gratulon al la esperantistaj parolantoj, precipe al ne esperantista-publiko.

Svetislav Kanaĉki

# Kiun Esperanton ni uzu?



Kiam prof-o Lapenna vizitis nin en la 1970aj jaroj li faris paroladon en la Esperanto-Domo, kiun li komencis per la vortoj : ‘’Esperanto jam delonge venkus, se ne estas pro la Esperantistoj’’. Jam en la militkaptitejo en 1945 mi komencis lerni Esperanton, alia soldato instruis min kaj troviĝis alia soldato, kiu ankaŭ parolis Esperanton kaj ne daŭris longe ĝis ili priparolis la gramatikon. Mia instruanto informis min ke tio ofte okazas. Mi tamen preferas uzi Esperanton anstataŭ pridiskuti la gramatikon. Sed kiun Esperanton mi uzu, ĉu tiun de d-ro Zamenhof aŭ tiun de aliaj, kiuj komencas siajn instruojn per : ‘’Oni ankaŭ povas diri …’’, kaj post kelka tempo ŝanĝas la signifon de vortoj, reguloj, inventas novajn gramatikaĵojn kaj volas devigi nin uzi iliajn novajn regulojn kaj inventaĵojn ?

En Esperanto sub la Suda Kruco de Majo – Junio 2002 sur paĝo 20 mi trovis interesan kontribuon de Marcel Leereveld, li diras : …
ni devas do : 1) ne ŝanĝi la gramatikajn regulojn simplajn, nek krei esceptojn ĉe tiuj reguloj ;
5) ne ŝanĝi la signifon de la vortoj.
Aldone li skribis : Kompreneble oni povus iomete plibonigi la lingvon, sed tio detruus Esperanton, ĉar cent homoj havas cent diversajn ideojn pri kiel plibonigi. Neniam unueca akceptado rezultos. Kaj la eventualaj pliboniĝoj estus tre malgravaj kaj la manko de pliboniĝoj ne kreas miskomprenon nek igas la lingvon

esti pli malfacile lernebla.

Sur la venonta paĝo 21, li skribas, ke : … la uzo de ‘’de’’… ĉesu kaj oni anstataŭe uzu la korespondajn formojn ‘’ate de’’ resp. ‘’ante (al)’’ kreitajn el la baza vortaro (sufiksoj) de Esperanto mem. Por ‘’ante’’ kaj ‘’ate’’ li uzis la participajn formojn kaj ŜANĜIS LA SIGNIFON al ‘’de’’. Sed tio estas kontraŭ punkto 5) supre. Krome li konstante uzas akuzativon post ‘’ante’’, kial ? ‘’DE’’ estas prepozicio post kiu oni devas uzi nominativon, ‘’ante’’ ja fariĝis prepozicio, do li devus uzi nominativon post ‘’ante’’ (ne akuzativon).

Sed nun venis Bertil Wennergren, li estas de la kategorio : ‘’Kompreneble oni povas iomete plibonigi la lingvon … Li prenis pure virajn vortojn kaj ŜANĜIS ilin al neŭtraj, ĉar nun ankaŭ virinoj troviĝas en la antaŭe viraj okupoj kaj diras, ke ne necesas diri prezidantino aŭ soldatino. Sed tio estas ŝanĝo en la signifo de la vortoj, vidu punkton 5) supre. Se nun virino okupas la antaŭe viran profesion kaj pronomo estas uzata, oni devus uzi : ĜI anstataŭ li aŭ ŝi. Kial ŝanĝi la signifon de tiuj viraj vortoj se oni ja simple povas aldoni la sufikson –in ? Zamenhof ja antaŭvidis ke ankaŭ virinoj povus okupi virajn profesiojn kaj donis al ni la sufikson –in, kaj la genian prefikson ge-.

Dum la tempo kiam Zamenhof vivis, multaj profesioj estis plenigitaj nur de viroj. Do tiuj profesioj portas virajn nomojn. Por virinoj kiuj nun ankaŭ plenigas tiujn profesiojn oni simple povas uzi –in, ne estas necesa ŝanĝi la signifon de la vortoj. Mi preferas resti kun la Zamenhof-a eldono de Esperanto.
Volo Gueltling

# E.U. PETICIO!



**28/05/2013** **Komunikaĵo N° 1**

Gesinjoroj,

Depost la komenco de Februaro 2013, iu peticio lanĉita sur la Reto ricevas subskribojn. Jes, senbrue, tago post tago kaj el la tuta mondo, homoj el pli ol 104 landoj hodiaŭ aprobis tiun alvokon lanĉitan de Ĵoaneso de Divonne (pr. de Divon), la aŭtoro de tiu ĉi peticio: **« Esperanto, oficiala lingvo de la Eŭropa Unio, nun! »** Ĝi troviĝas je tiu cî retadreso: sendis Robert Bain

http://www.avaaz.org/en/petition/Esperanto_langue_officielle_de_lUE/